# GAŬĈA STELO



Informilo de Gaŭĉa Esperanto - Asocio n-ro 8 - junio / 98


## 16ª Datreveno

Antaŭ 16 jaroj naskiĝis en Sudriogrando novan esperantistan institucion : Gaŭĉa Esperanto-Asocio (GEA).

Ĝia pretendo ĉiam estis klare prezentita : kunligi federacie ĉiujn esperantajn organizaĵojn de nia ŝtato kaj promocii la aperon de novaj organizaĵoj dissemantaj la idealojn de la internacia lingvo Esperanto. Instigi la realiĝon de renkontiĝoj, seminarioj, paneloj, kursoj ktp, estis aliaj aktivecoj edukaj, kulturaj kaj asociaj de GEA.

Dank'al klopodoj de la unuaj iniciantoj, kiel Modesto Belmonte de Abreu, Lucila Davalos Fernandes, Ivo Sanguinetti, Wenceslau Gonçalves, Paulo Isaias Ereno, George Otto Vaske, Balduino Egon Breitenbach, Nestor Lellis, Alcides Leivas Cardia ktp, la Asocio kreskis kaj konkeris sian ĝustan spacon kiel institucio reprezentanta la gaŭĉan teritorion.

La Asocio, por motivoj, kiuj ne valoras ekzameni, antaŭ nelonge trovis sur la vojo kelkajn malhelpaĵojn. Tamen, pro la apogo ricevita de DESEAK kaj pro la efika kunlaborado kaj streboj de la antaŭa prezidantino de GEA, Lucila Davalos Fernandes, jam de kvin jaroj oni revigligis la etoson ĉe nia esperantistaro.

Finfine ni devas reliefigi la faron, kiun kronis ĉiujn niajn klopodojn por pli bona asocia vivo. Temas pri la instaliĝo en la nova sidejo ekde junio / 97, situata en la strato Andradas 1251, 10ª etaĝo, kie oni ĝuas senpagan luprenon.

Gratulojn, do, al ĉiuj homoj, kiuj helpis skribi la historion de nia Asocio !

### Jen kelkaj gravaj "sites" pri Esperanto :

1. http://www,brnet.com.br-/bel/bel
2. http://www.aleph.com.br:80/Kce (oferas senpagan kurson )
3. http://www.geocities.com/athens/oracle/8337
4. http//www.cs.chalmers.se/~/martinw/esperanto/uea.html

## La monunuoj de Brazilo

| Valuto | Kiam | Rimarko |
|---|---|---|
| Realo | 1500 – 1808 | Portugala monero.Kreita en 1112 kaj uzita dum eltrovperiodo de Brazilo. |
| Realoj | 1808 – 1942 | Kun alveno de D.João VI en Brazilon,ekvaloras la Realoj.Kromnomita per Rejsoj. |
| Kruzejro | 1942 – 1965 | La Realoj(Rejsoj) estas nuligitaj je tri nuloj kaj estas rebaptigita je Kruzejro. |
| Nova Kruzejro | 1965 – 1970 | Dua nuligo je tri nuloj kaj la malnova kruzejro fariĝas "Nova Kruzejro". |
| Kruzejro | 1970 – 1986 | Revenas la Kruzejro sen ŝanĝo. |
| Kruzado | 1986 – 1989 | Aliafoja nuligo je tri nuloj kaj la Kruzejro iĝas Kruzado. |
| Kruzado | 1989 – 1990 | Ankoraŭfoja nuligo je tri nuloj. Revenas la Kruzejro. |
| Kruzejro | 1990 – 1993 | Kun minus tri nuloj revenas, je la tria fojo,la Kruzejro. |
| Kruzejro Reala | 1993 | Ĝi aperas kun minus tri nuloj je la kvina fojo. |
| Realo | 1994 | Ĝi ekvaloras en la monato de Julio 1994, ĝis kiam ... ? |

# Adresa Konfirmo



**Ni volas scii, kara leganto, se vi ricevas enorde ĉi tiun Informilon. Tial, se vi deziras daŭre ricevi nian GAŬĈAn STELOn.**(senpage), bonvolu skribi al nia adreso por konfirmo de via ekzata adreso. Ne forgesu : la estonta ricevo de nia bulteno dependas de via konfirmo. Poŝtkestro 815, CEP 9000l-970, Porto Alegre, RS, Brazilo.

# Korespondamikoj

Koresponda Servo Mondskala (KSM) estas organizo fondata en Francio kun la celo favorigi intersanĝon de korespondado inter esperantistoj tutmonde. La adreso por informoj estas :

Poŝtkesto 6, FR – 55000, Longeville-en-Barrois, Francio.

EL POPOLA ĈINIO estas alia loko kie oni povas trovi adresojn de esperantistoj en diversaj landoj. Jen tri :

- Mário L.Ruiz Karell, 35-jara, Sporto-instruisto. Adreso : Apartado 14012, Manao, l4, Co. de la Habana, Kubo.
- Zbigniew Siekierski, 42-j. Adrfeso : ul. Sadkowska l3 m. 8. PLl 26-600, Radom, Pollando.
- Petja Garalova, Str.Hristo Smirnenski n-ro 11, 4640, Bakitovo,Bulgario.

# Milde

Kiel elstara bulteno lasttempe eldonita, ni reliefigas la aperon de "Milde", Brazila Sekcio de Internacia Ligo de Esperantistoj (ILEI). Adreso : Rua Machado de Assis 243/ 11, CEP 04106-010, San-Paŭlo.

Al ĝia redaktoro Elvira Fontes kaj kunhelpantoj, gratulojn pro tiu belaspekta kaj enhavoriĉa bulteno.

# PEA – Informilo

Ĝoje niu konstatis la reaperon de PEA – Informilo, organo de Paranaa Esperanto-Asocio. La nova adreso de PEA por korespondado estas : Poŝtkesto 1701, CEP 80001-970, Curitiba, PR, kaj la eletronika : pea@super.com.br

Al prezidantino, Glória Lucia Pires kaj al nova estraro de PEA, niajn gaŭĉajn salutojn kaj gratulojn pro la elektado.



"Popolo kiu ne kultas sian tradicion estas popolo kiu mortas em ĉiu generacio ".

# Balotado ĉe ESPA

La pasintan 30$^{a}$ de majo okazis la balotado por la nova estraro de ESPA (Andradas 1137/1704) por la periodo 1998/2000. Estis elektita la nura kandidataro :

Prezidanto: Arthur G. Lucas
Vic-prezidanto: ReinaldoJ.Zaghetto
Sekretario: Claudiomiro Ferreira
Kasisto: Fabiano Vieira.

# Amarmateo

Amarmateo,kiun mi trinkas
per kiso en lipoj arĝentaj,
vi estas la esenco evidenta
de nia brava origino.

Kaj la ujo – bruneta sino –
kiu rondiras de mano al mano,
memorigas min pri klano
pro siakruda simpleco
kaj montras la gastemecon
de la graŭĉa kamparano.

Vi memorigas al Imi
per via gusto sovaĝa,
mistikan kuractrinkaĵon
de la ĉarua sorĉisto.

La lancon de militisto
en batala formacio,
kiu venas el Historio
trapasante kamparojn
montras la glorajn farojn
de la gaŭĉa tradicio.

Dum viaj lastaj momentoj,
dum ronkado de l''sorbaĵo,
ni aŭdas sur l' ebenaĵo
henadojn de mil ĉevaloj.

Kaj memoroj pri bataloj
en mia menso stampiĝas,
dum klarionoj laŭtiĝas,
sonorigante : Antaŭen !

Tiam, mi estas pensanta,
premante la lipojn tie ĉi
La fortan sukon,kiun vi
oferas al mia lango,
estas vere gaŭĉa sango,
kiu venas verda...al mi !

# Brazila Kongreso

La 34ª Brazila Kongreso de Esperanto, organizata de la Asocio Bahia de Esperanto, okazos en Salvador, BA, de la 19ª ĝis la 24ª de julio 1998.La Asocio funkcias ĉe la adreso : Av. 7 de Setembro 109. CEP 40.060-OOO, Poŝtkesto 945, CEP 40001-970, Salvador, kaj samideano Josenilton Passos do Nascimento estas lq prezidanto de la Loka Organiza Komitato..

# Donacoj al Biblioteko

Biblioteko Äry Zamora"apartenanta al Gaŭĉa Esperanto Asocio , dankeme registras la donacoj de libroj, revuoj, esperantaĵoj ktp faritaj de samideanoj Cesar D.Soares, Hermes Machadio Jr. Ivo Sanguinetti kaj Joaquim Chaves.


Gaŭĉa Stelo



Informilo de Gaŭĉa Esperanto-Asocio
Andradas 1251, ĉ.103
Poŝtkesto 815 - CEP 90001-970
Porto Alegre - RS - Brazilo
Trimonata senpaga bulteno
n-ro 8 -junio/1998
CGC/MF 01.545.097/0001-80
Redaktoro-ĵurnalisto : Ivo Sanguinetti
Eldonisto: Joaquim Chaves


**"Esperanto sen la Interna Ideo de nia neforgesebla majstro Zamenhof, estas ĝardeno sen floroj"** Amarílio Carvalho

# Virtuala Esperantujo

Virtuala Esperantujo kunligas la interretajn rondojn, kiuj uzas esperanton, kaj faciligas la retumadon inter ili.

Klaku al la simbolo de la rondo kaj vi povos priesplori la ttt-ejon, kiuj membras en tiu Membrigu vian ttt-ejon al iu el la rondoj. Legu la prezenton de la rondo por eltrovi, kiun rondon elekti. Se mankas al vi rondo, proponu prizorganton kaj, se vi opinias, ke la rondoj havas malmulte da membrigitaj ttt-ejoj, helpu informi pri ilia ekzisto kaj mem membrigu vian ttt-ejon,

Jen la interreta "site":
http://www/esperanto.se/virtuala/

# 20ª Esperanto Renkontiĝo de Ŝtato San-Paŭlo

La 20ª ERŜSP, en la urbo Paŭlinea, okazos dum la sendependiĝaj feriotagoj 5ª, 6ª kaj 7ª de Septembro 1998 ĉe Ëscola Estadual de 1º e 2º grau General Porphyrio da Paz".

La temo estas : Lingvaj Problemoj en Industrio kaj Rilato al Esperanto".La Renkontiĝa organizado estras de Kultura Centro de Esperanto ( KCE), Poŝtkestro 1097, Campinas, SDP, CEP 13001-970, kaj la auspicianto estas Esperanto Asocio de San-Paŭlo (EASP).

**Perkomputilo:** :
Kultura@turing,unicamp.br
http://www.aleph.unicamo.br/kce